# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

**N-ro 94**

Bulteno de KAEM

Januaro 2017

-----------------------------------------------------------------------------------

# Feliĉan novjaron!



# Karaj KAEM-anoj kaj Membroj de Landaj Asocioj

## SO Jinsu, Prezidanto de KAEM



Mi kore salutas vin ĉiujn kiel nova prezidanto de KAEM, kaj mi multe dankas landajn reprezentantojn, kiuj unuanime voĉdonis por la posteno en la KAEM-kunsido ĉe Quanzhou, Ĉinio, en la 8a Azia Kongreso. Estas grandega plezuro kaj grandeta ŝarĝo por mi, dank' al kunlaboro kun afablaj kaj lertaj vicprezidanto s-ro Inumaru Fumio kaj sekretario s-ro Chimedtseren Enkhee, kaj pro la sablaj farendaĵoj kaj montaj laboroj plenumotaj por la jaroj 2016-2019.

Eksciante tion, ke Azio estas tre vasta, varia, diversa, kaj plej dinamika kontinento en la 21-a jarcento, ni KAEM devos multe agadi por la disvastigo de Esperanto tra la landoj sur la kontinento. Azio nun okulfrape ŝanĝiĝas. Azio ja rapide progresas kaj evoluas, kaj la Esperanto-movado en ĝi tiom varmas.

Ni aziaj esperantistoj nun ĝuas vastajn amikecon kaj progreson en diversaj flankoj dank' al la pioniroj de la komenco kaj tiuj de la mezo de la 20a jarcento en ĉiuj landoj, kaj plene fortaj aktivuloj, precipe en la 1990-aj jaroj, kiuj prepares la bazajn ŝtonegojn por nuna KAEM. Kaj la antaŭaj estraranoj kun landaj reprezentantoj multe kontribuis ĝis nun por nia komunumo.

Sur tiuj bonaj situacio kaj kontribuo de antaŭuloj, mi kaj vi nun staras. Respektante ĉiujn ilin, ni devas klopodi por pliprogresigi nian movadon. Kaj mi petas de vi unuanimajn kunlaborojn. Azianoj estas origine plej modestaj, ĝentilaj kaj diligentaj pro la influo de religioj kaj tradiciaj instruoj. KAEM estu la modelo de tiu bona tradicio, esperebLe.

Kun deziro kaj promeso, ke la estraro klopodos ligi la membrojn landajn kaj individuajn, mi proponas, ke ni plimultigu la novajn

membrojn de nialandaj asocioj kaj UEA kun kursoj, okazigu sukcese la komunajn kongresojn kaj renkontiĝojn dum la periodo de 3 jaroj inter ambaŭ Aziaj Kongresoj de Quanzhou, Ĉinio, kaj Danang, Vjetnamio, kaj havu la ŝancojn de renkontiĝo kaj seminario inter junularoj. Azio estas benita pro aktivuloj plenkreskaj, eĉ nejunaj kaj karaj junaj verduloj, kiuj estas nia forto kaj estonteco. Ni, eksjunuloj kaj junuloj kunlaboru prenante manojn por nia morgaŭo.

Komprenante unu la alian, ni kune skribu hodiaŭan historion de aziaj Esperanto-movado kaj verda komunumo, mi petas. Feliĉe, mi komencas la taskon kun novaj landaj membroj el Oceanio, Aŭstralio kaj Novzelando, kaj nun KAEM fariĝis pli granda familio el 14 landoj. Por Seula UK en 2017, KAEM planu amikajn eventojn kiel "Azian Karavanon II" kaj "Azian Vesperon" por reburĝonigi la gloron kaj renesancon, rememorante ĝian ekpaŝon. Ni pli ofte renkontos unu la alian per interretoj kaj okaze de la diversaj renkontiĝoj en kaj ekster Azio.

**D-ro SO Jinsu** (60) estas universitata profesoro de ekonomiko en Universitato Kangnam, Koreio. Ekde 1971 li aktivas kiel esperantisto, fondis ELSAM, Esperantista Ligo de Seŭlaj Mezlernejoj kaj Altlernejoj en 1975, gvidis kaj iniciatis esperantajn kursojn, renkontiĝojn kaj seminariojn en 1970aj kaj 1980aj jaroj. Li ludis la rolon de LKKano de la 79a UK en Seulo, kaj la prezidanto de LKK de la 28a ILEI-Konferenco okazinta en sia universitato en 1994. Li estis vizitprofesoro al Glasgova Universitato de Britio por la jaroj 1990-1991. Li studas la belartan merkaton internacinivele, kaj estas konata kiel kunfondinto de Unuiĝo de Aziaj Studgrupoj de Belarta Merkato.

## Ŝancoj por nia movado kaj peto de donaco

### INUMARU Fumio, Vicprezidanto de KAEM



Komence de nova jaro mi atentas du Esperantajn renkontiĝojn.

Unua estas Seula UK somera. Tio estas bona ŝanco por azianoj, kiuj povos vojaĝi al Koreio je malpli da vojaĝ-kosto ol al ordinara kongreso ekster Azio. Ni atendas pli multe da ĉeestoj el Azio, aparte el proksimaj landoj kaj ni konsideru

rimedojn por multigi la ĉeeston.

La alia estas la 4-a SAS (Sud-Azia Seminario) oktobra en Bengaluro de suda Barato. Tio estas unuafoja SAS en Barato kaj mi deziras, ke tiu ŝanco efiku bone al barata Esperanto-movado.

Ĉeesto en Esperantaj renkontiĝoj donas plurajn efikojn ; amikiĝo, inter-kompreniĝo, plibonigo de kompreno pri esperantaj aferoj, inform-ŝanĝo, diskutoj pri movado, k.s. Por novaj ĉeestantoj multaj aferoj estos freŝaj, instigaj, kuraĝigaj. Ili nepre sentos Esperanton vere vivanta kaj rimarkos pretecon de esperantistoj fariĝi amikoj.

La buĝeto 2017 de KAEM kun novaj membroj el Aŭstralio kaj Nov-zelando similas al tiuj de lastaj jaroj kaj estas modesta. Tamen ni povas elspezi sumon donacitan al 'Fondaĵo Azio' kun difinitaj celoj ekster limigo de la bugheto laŭ la celoj. Do mi petas de japanoj kaj aliaj donaci tian monon ekzemple kun celo 'por ĉeesto de azianoj en UK', se vi povas. Tiel ni povos subteni pli da azianoj al la UK.

En diversaj partoj tra vasta Azio kaj Oceanio gesamideanoj kiel vi agadas per kaj por Esperanto laŭ sia propra maniero. Mi deziras sukceson kaj prosperon al vi!

## Gratulante la starton de nova teamo de KAEM

**LEE Jungkee (estrarano de UEA pri Azio kaj Oceanio)**



En la 8-a Azia Kongreso de Esperanto KAEM-anoj elektis sian novan gvidantaron. Vere, la tasko de la nova teamo estas grava kaj peza por nia movado en Azio kaj Oceanio. Pli ol 60 procentoj da loĝantoj sur la terglobo loĝas en tiuj du kontinentoj. Tial, la tasko de KAEM estas tiom granda en Esperantujo.

Mi volas akcenti nur unu plej karan vorton al KAEM-anoj - tio estas '**Respondeco**'. Kiel reprezentatnto de landa asocio, KAEM-ano devas labori kaj engaĝiĝi sincere kaj aktive por KAEM dum sia mandato, kun respondeco.

# Laŭlandaj mesaĝoj

## Mesaĝo el Barato

Esperantistoj kaj amikoj de Esperanto en Barato deziras al vi ĉiuj belan kaj fruktodonan 2017! Ni atendas vian viglan partoprenon en la 4a Sudazia Seminario en oktobro 2017 ĉe Bengaluro, suda Barato.

**Giri RAO**

## Mesaĝo el Filipinoj

Nome de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ), la sola, daŭra progresanta Esperanto-organizo en Filipinoj, kaj la tuta landa Esperanto-komunumo, mi sendas niajn plej varmajn kaj sincerajn bondezirojn okaze de la nova jaro 2017!

FEJ, en la jaro 2016, atingis notindajn sukcesojn, ekzemple tio, ke nia organizo registris duoblan kreskon en sia membraro! Estas multaj aliaj sukcesoj, kaj ĉiujn ni, kun honoro, dediĉas al ĉiuj esperantistoj, lokaj kaj eksterlandaj, kiuj helpis al ni realigi tiujn revojn. Ni elkore dankas al ĉiuj!

En la nova jaro 2017, ni esperas pli da kunlaboroj kun aliaj aziaj esperantistoj, nun ke kaj la kapabloj kaj defioj same pligrandiĝas. Ĉu 2017 estos por FEJ jam la ora jaro? Tion ni kune vidos. Aldone, ni alvokas al ĉiuj esperantistoj faru la jaron 2017, en kiu vizitos nian belan landon, ne nur por malkovri ĝiajn naturajn kaj kulturajn trezorojn, sed ankaŭ por konatiĝi kun niaj ĉiam esperoplenaj kaj aktivemaj esperantistoj.

Cele al pli forta, vigla, kaj vasta Esperanto-movado en Filipinoj!

**Albert Stalin GARRIDO**

## Mesaĝo el Indonezio

Nome de Indonezia Esperanto-Asocio (IEA), mi ŝatus deziri “Feliĉan Novjaron, 2017” al ĉiuj samideanoj en Azio. Ni daŭre agu por ke nia verdaj rondo kaj familio povu pozitive kontribui al niaj ĉirkaŭaĵoj pere de Esperanto kaj esperu pli bonan vivon por ĉiuj. Ni ĉiuj scias, ke la

defioj kaj obstakloj detiu ĉi jaro povus esti pli malfacilaj. Tamen ni ne malesperu, sed aktive kunlaboru kaj gardu la esperon nian, ĉar ni estas esperantistoj.

Azio estas la estonteco de nia lingvo. Tial la laboro de niaj senlacaj movadanoj bonrezultas pli kaj pli. Dum la lasta jaro ni jam legis kaj aŭskultis bonajn novaĵojn el Tajlando, Filipinoj, Irano, ankaŭ de Indonezio, ke la Esperanto-movadoj tieaj multe progresas. Tio certe bone influas la movadon en Azio ĝenerale.

Ankaŭ mi instigu: "Ni sukcesigu la Universalan Kongreson en Seulo!" Ĝi certe gravas por nia movado. Ĉion bonan al vi!

**Ilia Sumilfia DEWI**
iea@esperanto.or.id

## Mesaĝo el Japanio

Ĉe la malfermo de la nova jaro 2017, mi salutas aziajn esperantistojn nome de Japana Esperanto-Instituto (JEI). Ĉi tiu jaro estas la memorjaro de la centa jubileo post la forpaso de Zamenhof. Ĝustatempe ĉi-somere la 102-a UK okazos en Koreio, nia najbara lando. Mi alvokas, ke multaj esperantistoj el Japanio partoprenu en la UK. Tie, ni kune kun la samideanoj en la tuta mondo festu la Zamenhof-Jaron, agadu por tio kaj antaŭenigu Esperanto-movadon en Azio kunlaborante.

**SUZUKI Keiichiro**

## Mesaĝo el Nepalo

Mi sendas novjaran mesaĝon al vi kaj al ĉiuj membroj de via Esperanto-asocio. Ni pasigis multajn jarojn por Esperanto-movado. Pro tio, ni havas ŝancojn lerni pri diversaj aferoj. Per Esperanto-kongresoj multaj havis ŝancojn kontakti unu la aliajn kaj interkomunikiĝi per Esperanto. Tio eblas nur en Esperantujo.

Estas bona novaĵo, ke KAEM havas novan prezidanton el Sudkoreio, nome profesoron So Jinsu. Laŭ mia scio, li estas tre aktiva persono en la Esperanto-movado, kiu multe laboris por sukcesigi multajn kongresojn. Estas nia devo helpi novajn estraranojn. Ni devas lerni de la pasinteco kaj antaŭenigi la movadon. Estas tre bone, ke nun

KAEM havas 14 membrolandojn. Nia Esperanto-familio grandiĝis pli kaj pli.

Ni devas disvastigi Esperantajn kurson al gejunuloj. Se ni ne instruos Esperanton al gejunuloj, la estonteco de Esperanto estos malluma. Ni laboru kune por la silka vojo tiurilate.

Mi kredas, ke 2017 estos tre sukcesa por la movado. Por tio, ni laboru kune kaj helpu unu la alian. Mi deziras tre sukcesan kaj brilan jaron por vi, por via Asocio kaj por via familio.

Estas nia devo danki al s-ro HORI Jasuo, kiu daŭre kaj senlace laboras por Esperanto-movado, precipe por redakti nian revuon "Esperanto en Azio".

**d-ro Mukunda PATHIK**

## Mesaĝo el Turkujo

Kvankam ni ne havas asocion kaj eĉ ekzistas neniu KAEM-ano en Turkujo, mi, je la nomo de la turka esperantistaro, volus deziri bonan kaj feliĉan novan jaron al ĉiuj azianoj, kaj ĉefe al esperantistoj kaj KAEM-anoj en Azio. Estu paco en la mondo kaj viaj klopodoj kresku kaj prosperu dum la nova jaro.

Sukceson al ĉiuj.

**Vasil KADIFELI**

## Mesaĝo el Vjetnamio

La jaro 2017 certe alportos al Esperanto-movado en Azio multajn novajn atingojn. Kiel KAEM-ano kaj Ĝenerala Sekretario de VEA, mi promesas instigi la vjetnaman esperantistaron per konkretaj agoj kontribui al la pli dinamika movado en Azio. Bonvenigu la novan jaron kun rideto por brila estonteco.

Feliĉan Novjaron!

**Phuong Mai**
**goldenprocom@gmail.com**



Karavano al Seula UK(2017)
tra Fera Silkvojo de Eŭrazio




**unu mondo, unu vojo, unu lingvo,**
**paca mondo, seninterrompa vojo,**
**neŭtrala (amika) lingvo**

# 1-a parto : 1-a karavano al Seula UK(2017)

## Fera silkvojo tra Eŭrazio, de Berlino ĝis Seulo

**Dato:** **1-a de julio(sab) ~ 22 de julio(sab), 22 tagoj.**
**Kotizo :** **4,195 US$**
**Limdato :** la 31-a de januaro, 2017.

**1. unu mondo :**
Eŭropo kaj Azio estas geografie malsamaj kontinentoj, sed jam estas sama zono de interkomunikiĝo en diversaj medioj.

**2. unu vojo ekde Berlino ĝis Seulo :**

La fera silkvojo la unu vojo, tamen estas interrompita en Koreio, suda kaj norda. Nia karavano celas trapasi la interrompitan vojon kun la deziro pri 'la paco kaj unuiĝo de Koreio' (1-a plano).

* karavano flugas tra Pekino, kiam ni ne povus trapasi la rompitan vojon (2-a plano).

3. **unu lingvon ĉiuj uzas**, kvankam la karavano trairas diversajn landojn.




# 2-a parto : 1-a karavano + 2-a karavano
## Alvenas al Pekino kaj aliĝas al la 1-a karavano

**Dato : 18-a de julio (mar) ~ 22-a de julio (sab), 5 tagoj.**
**Kotizo:** varias laŭ landoj
**Limdato :** la 28-a de februaro, 2017.

Detaloj: Turnu vin al d-ro SO Gilsu
koguri@hanmail.net telefono: 82-10-8869-9930

# Ĉinio

## LEA kunlabore okazigis la Novjaran Vesperon

La 3-an de januaro 2017 LIEKK (Liaoning Internacia Ekonomia kaj Kultura Klubo, Ĉinio) kaj Liaoning-provinca Televida Stacio okazigis Novjaran Vesperon/Printempan Vesperon. Pli ol 500 gastoj el la rondoj ekonomia kaj kultura estis informitaj kaj invititaj. LEA (Liaoning-a Esperanto-Asocio，Ĉinio) kunlabore partoprenis en la preparado kaj montris al la gastoj Esperanton per ekspozicio-tabuloj. Ĝi signifas komencon de serio da agadoj memore al la Zamenhof-jaro 2017 en Liaoning, Ĉinio.



En la 17-a de januaro 2016 LIEKK sukcese okazigis la saman vesperon kun pli ol 300 partoprenintoj. LEA kaj s-ino Marianne Dunlop, esperantistino el Francio, partoprenis en ĝi kaj faris la saman aranĝon. Vidu la foton ĉi-supre.

**Wu Guojiang**
**Vicprezidanto de LEA, Ĉinio**
ghemelurboj@sina.cn
amikec0999@21cn.com

# Filipinoj

## Jaro 2016: duobla kresko de la membraro de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ)!

Laŭ la registra datumbazo de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ), la organizo atingis 100% altiĝon en sia membraro en la jaro 2016, kun 27 novaj membroj aliĝintaj ĉi-jare de 27 antaŭe en 2015 -- signifante, ke la membraro duobliĝis dum unujara periodo, nun estante 54. Plej notinde estas ke la organizo fakte vidis 10 aliĝojn nur en septembro 2016, el kiuj 8 estis inoj – unika okaze siahistorie.

Danke al la aktiva kampanjo ĉe sociaj retejoj pri Esperanto, kiu rimarkinde disvastigis la konon de la ĝenerala filipina publiko, specife ĉe la ĉefaj regionoj, pri la lingvo, kaj al la furoriĝo de Esperanto en la lingvolerna retejo Duolingo, filipinaj gejunuloj, de studentoj 15-jaraj al junaj laboristoj ĝis 35-jaraj, povis trovi siajn vojojn al nia lingvo, kaj eventuale al la organizo.

FEJ fieras esti unu el la plej rapide kreskantaj junularaj Esperanto-organizoj en la mondo, kaj promesas plifortigi sian kampanjon disvastigi la uzadon de Esperanto en la lando kaj pligrandigi sian membraron en la jaro 2017. La organizo dankas al ĉiuj membroj, kiuj aliĝis en 2016 kaj tiuj, kiuj aktive kontribuis al la ebligo de la sukcesa kampanjo, ĉu samlandanoj, ĉu eksterlandanoj.

## FEJ akceptita kiel landa sekcio de TEJO!

Markante unuan fojon en la historio de la filipina Esperanto-movado, filipina Esperanto-organizo estis formale ligita al la tutmonda organizita Esperanto-movado en Filipinoj, kiam Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) estis akceptita kiel la plej nova landa sekcio de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). La komitato de TEJO unuvoĉe voĉdonis por la propono, gajnante 31 porajn voĉojn el entute 39.

Inter la rajtoj, kiujn gajnis FEJ, estas ke ĝi ekhavis reprezentanton ĉe la Komitato de TEJO. Ekoficis je la 23a de januaro 2017 Albert Stalin Garrido, prezidanto de FEJ kaj iama komitatano B de TEJO. Li oficas ĝis la 31a de majo 2018.

Ĝi estis produkto de la kolektiva strebado de la filipina Esperanto-aktivularo organizi la movadon, ekde kiam ĝi estis fondita en 2013. Estante landa sekcio de TEJO, FEJ esperas eniri pli da kunlaboroj kun aliaj junularaj organizoj kaj mondoj en aliaj partoj de la mondo.

## Helpu al filipinaj gejunuloj havi delegacion en la 102a UK!

Ĉu vi scias, ke jam pasis jardekoj ekde kiam Filipinoj havis sian reprezentanton en la Universala Kongreso (UK)? Helpu al ni fari pliajn mejloŝtonojn en historio! Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) intencas sendi sian delegacion konsistantan de 5 ĝis 10 gejunuloj al la 102a UK en Seulo, Sudkoreio. Multaj el la membroj interesiĝas, sed ne sufiĉe bonhavas por financi sian vojaĝon. Certe, la ĉeesto de gejunuloj filipinaj faros la Kongreson eĉ pli bunta kaj freŝa!

Viaj donacoj estos uzitaj por ĉiuj necesaj kostoj de la partoprenontoj, inkluzive la aliĝkotizoj kaj flugkostoj. Por donaci, eblas ĝiri al la UEA-konto: "**phej-d**", per *Paypal* al http://paypal.me/albertgarrido aŭ sendi per *Western Union* al la jena (poste, bv. sendi la kontrolnumeron):

**Nomo:** Albert Stalin Tancinco Garrido
**Adreso:** 2 Catalina St. Azicate Homes, Gen. T. De Leon, Valenzuela City, Metro Manila, 1442 (FILIPINOJ)
**Numero:** +63 926 785 7032

Por pliaj informoj, bonvole ne hezitu kontakti nin per la adreso: esperanto.philippines@gmail.com

Ĝis la revido en Seulo! Korajn antaŭdankojn al ĉiuj donacontoj!

**Informada Komisiono de FEJ**

# Indonezio

## Festo de Zamenhof-tago en Indonezio

Dimanĉe, la 18an de decembro, ni sukcesis okazigi Esperanto-feston okaze de la Zamenhof-tago. La festo estis organizita de Indonezia Esperanto-Asocio kunlabore kun lingva komunumo "Fakta bahasa" kaj Ĝakarta E-klubo "Esperiga Suno".

Partoprenis 18 personoj, el kiuj plejmulto estis komencantoj kaj kelkaj progresantoj. Ni komencis la feston per marŝado al bela ĝardeno apud lago, kaj samtempe kantis Esperanto-kanton. Tie. sub la granda arbo kaj sufiĉe freŝa aero. ni ĝuis niajn variajn agadojn; grup-diskuto, konkursoj de kantado, legado de poemoj, aktorado kaj multe aliaj.

Dum nia festo, ni surpriziĝis pro la ĉeesto de "s-ro Zamenhof". Ni ĝoje bonvenigis lin kaj kune kantis la kanton, "Bonan naskiĝtagon". Fine li konsilis, ke ni ĉiuj daŭre disvastigu liajn ideojn pri lingva justeco, paco kaj amikeco. Tiu Zamenhof estis fakte maskita Rizki Maulana. Tiu estis parto de nia amuza festo.



Ni festis kvin horojn kaj ridegis, amuziĝis, rakontis spertojn kaj donis opinion, precipe al la komencantoj, por ke ili havu motivojn lerni Esperanton kaj konigu la amikecan etoson de nia lingvo.

Antaŭ la fino, ni faris komunan foton kiel memoraĵon de nia bela festo kaj kolektis komentojn de la ĉeestantoj. Feliĉe ĉiuj pozitive ĝuis la feston kaj amuziĝis pro la bona programo.

**Ilia Sumilfia Dewi**
ilia.dewi@gmail.com

# Japanio

## Ekspozicio pri “Nia Unua Lernolibro”




En Jokohamo de la 22a ĝis la 24a de aŭgusto 2016, estis ekspozicio. Neprofitocela Organizo (NPO) Esperanto Jokohamo okazigis la trian fotoekspozicion pri internaciaj agadoj per Esperanto. Ĉi-foje speciale prezentitaj estis lernolibroj kolektitaj por “Nia Unua Lernolibro de la lingvo”.

Ĉar ĉiuj tagoj estis semajntagoj kaj en la unua tago trafis nin tajfuno, ni havis entute nur 152 vizitintojn, krom niaj membroj. La ekspoziciaĵo inkluzivis grandajn A1-formatajn fotojn faritajn ĉe UK ktp., prezenton pri Esperanto, klarigo pri la historio de Esperanto en la mondo/Japanio/Jokohamo, Esperantlingvaj tradukaĵoj de la monda literaturo, kaj 28 lernolibroj el 18 landoj aŭ regionoj, kolektitaj de la membroj. Jene estas listo de la lernolibroj. (en la ordo: lando / lingvo)

【Azio】(Koreio / la korea), (Ĉinio / la ĉina), (Tajvano (Ĉinio) / la ĉina) (Mongolio / la mongola), (Vjetnamio / la vjetnama), (Hindio (Barato) / la bengala), (Taĝikio / la taĝika)

【Eŭropo】(Germanio / la germana), (Ĉuvasa Respubliko en Rusio / la rusa, kaj la ĉubasa), (Rumanio / la rumana), (Kroatio / la kroata), (Ĉeĥio / la ĉeĥa), (Slovakio / la slovaka)

【Afriko】(Konga Demokratia Respubliko / la svahila)

【Meza kaj Suda Ameriko】(Meksikio / la hispana), (Ĉilio / la hispana)

【Oceanio】(Aŭstralio / la angla)

**Sibayama Zyun’iti**

# Sendu viajn mesaĝojn al ni okaze de la Internacia Virina Tago 2017

Ni, el Hirosima Esperanto-Centro, kiel unu el la 21 organizoj sub la Plenuma Komitato de Internacia Virina Tago 2017 Hirosima, sendas al vi mesaĝon. Ni petas al vi transdoni nian suban mesaĝon al viaj geamikoj kaj viaj organizoj kaj redonu al ni viajn respondajn mesaĝojn por la Tago. Ni ekspozicios viajn mesaĝojn en publika loko de la urbo Hirosima.

**OSIOKA Taeko**
**el la urbo Hirosima**

---------------------------------------------------------------------

## Mesaĝo por la Internacia Virina Tago 2017, Hirosima

Estimataj kaj karaj gesinjoroj en la mondo,

Ni, la plenuma komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2017 Hirosima, kiu konsistas el 21 organizoj kaj la registaro de Hirosima, salutas vin solidarece kaj elkore alvokas al vi. La 5-an de marto 2017, por la Internacia Virina Tago de UN, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭenpuŝi konstruon de la socio por la komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio Hirosima kaj de la urbo Hirosima kunlaboras por heredigo de la paca socio al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝi komunan partoprenon de geviroj.

La mondo nun rekte frontas kontraŭ terorismo kaj ĉeno de venĝo. En multaj landoj ege skuiĝas kaj politiko kaj ekonomio. Oni komunikas suferon kaj malĝojon de malfortaj homoj en nuna situacio. Ĝuste nun dezirata estas la socio, en kiu ĉiuj povas vivi egalrajte.

La ĉefa temo de la Internacia Virina Tago 2017 Hirosimo estas “Mi vivas en Hirosimo, en Japanio, en la mondo.” En la kunveno de la Tago ni aprezos la filmon “Urbo de vespera kalmo, Lando de ĉerizfloro.” Kaj kiel urbanoj de atombombita Hirosimo, ni pripensos elektadon kaj

agadon al konstruo de vere paca mondo, por ke ni ne plu ripetu militan hororon en la mondo.

Ĉiu, en ĉiutaga vivo en sia loko, pripensu kaj komuniku pri paco. Ni el Hirosimo elkore alvokas al vi ĉiuj en la mondo solvon de konfliktoj ne per milita povo.

**Bonvolu sendi al ni vian mesaĝon por 2017,**

1. Sendu mesaĝon en 5 linioj temantan pri tio, kio estas grava por paco.
   * Ankaŭ viroj rajtas sendi mesaĝon.
   * Kun nomo, sekso, aĝo (se eblas), profesio, urbonomo, lando.
2. Sendu vian portreton. Ni prezentos ĝin kun via mesaĝo.
3. Sendu ĝin al OSIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp
   Oogonzantyo 7-15, Minami-ku, Hirosima, 734-0041 Japanio
4. Limdato: la 15-a de februaro 2017.

Viajn mesaĝojn ni ekspozicios en la Virina Centro de la municipo Hirosima ekde la 25-a de februaro.

**S-ino MATUMURA Aiko**
Prezidanto
Plenuma komitato por la Internacia Virina Tago 2017, Hirosimo

**Organizantoj:**
La municipo Hirosima kun jenaj virinaj organizoj:
Arko de Hirosima/ Kina karavano/ Novjapana virina asocio/ Ligo de vartistoj/ Hirosima Esperanto-Centro/ Sindikato de emeritoj/ Ligo de medicinaj sindikatoj/ Instruista laborsindikato/ Ligo de solaj patrino kaj infano (urba)/ Laborsindikato de municipaj oficistoj/ Laborsindikato de urbaj oficistoj/ Ligo de patrinoj de la urbo/ Ligo de lokaj virinaj asocioj de Hirosima/ Ligo de virinaj asocioj WENET/ Ligo de Komercistoj/ Virina demokrata klubo/ YWCA/ Centro de komuna partopreno de geviroj en la socio/ Ligo de Patrinoj de la gubernio/ Sekcio de komuna partopreno de geviroj de municipo Hirosima/Konsilio de Kino-rondoj de la urbo.

# Nepalo

## Baldaŭ okazos La 12a Himalaja Renkontiĝo



Ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto, okazos la 12a Internacia Himalaja Renkontiĝo. Ĝi estas vere internacia kun partopreno de multaj esperantistoj el la tuta mondo. En la unua duono de la Renkontiĝo partoprenantoj turismos en Katmanduo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj plenaj da kulturaj heredaĵoj. Restas en tiu regiono mezepokaj konstruaĵoj, kie vivas homoj el diversaj etnoj.

Dum la posta duono la partoprenantoj iros okcidenten al la turisma urbo Pokhara, kaj de tie ili komencos piediri al la montara regiono de Annapurna. Ĉi-foje ili celos la vilaĝeton Sikles, 2000 metrojn alta. Tie ili povos sperti lokan kulturon, nome la Gurunga-kultruon. Ili povos vidi Annapurna-Regionon (Himalja Annapurna). Kaj Lamjung Hiamalao.

Vi povas vidi, kiamaniere partoprenantoj piediros, per la suba filmeto:

https://youtu.be/Upf4nBdgJPA

Ĝis nun aliĝis 15 el Japanio, 6 el Slovakio, 2 el Danio kaj po 1 el Tajvano, Germanio kaj Vjetnamio. Partoprenos entute 26 krom nepalanoj. Do ekestos vere internacia etoso.

Ne perdu okazon vojaĝi al Nepalo. Tuj aliĝu al ĝi.

Pli da informo: http://bit.ly/12aHimalajaRenkontigho
Retadreso: nespa.1990@gmail.com
Retejo: www.esperanto.org.np

## Zamenhofa Tago en Katmanduo

La 15an de decembro, okazis Zamenhofa Tago ĉe la oficejo de Nepala Esperanto-Asocio. Ni komencis la Tagon nepale lumigante kandelojn kaj adorante la majstron Zamenhof. Ni kantis la himnon. Estraranoj parolis pri la vivo de Zamenhof, Esperanto kaj ĝia valoro en la nuna epoko. Kursanoj emociiĝis, aŭskultante la baraktojn de Zamenhof. Ne partoprenis multaj esperantistoj, ĉar estis labortago kaj festotago.



Ni diskutis pri tio, kiel antaŭenigi Esperanto-movadon en Sud-Azio, kaj pri la okazigo de la 12a Internacia Himalaja Renkontiĝo. Ni kunmanĝis kaj poste kunkantis la poemon “La Vojo”, kaj aŭskultis esperantajn muzikojn.

## Zamenhofa Tago en Itahari

Itahari estas eta urbo, en kiu loĝas 142,801 homoj. Inter ili 200 homoj jam komencis lerni Esperanton. Troviĝas Esperanta asocio nomata ‘Orient-Nepala Esperanto-Asocio’.




Nia Zamenhofa Festo sukcesis kun 30 partoprenantoj. Komence ni ĉiuj parolis pri ni Esperante. Poste s-ro Shree Prasad Pokharel parolis pri Esperanto-Movado en Nepalo, precipe pri tiu en Itahari, kaj pri la graveco de Esperanto. S-ro Ganesh Niraula prelegis pri Zamenhof. Por instigi partoprenantojn diligente lerni Esperanton, mi parolis kun s-ro Angel Arquillos el Hispanio per intereto. Multaj fariĝis pozitivaj pri Esperanto kaj decidis doni pli da tempo al Esperanto-lernado.

Abhishek Pokhrel<apokhrel90@gmail.com>;

# Orienta Timoro

## Instruado en Dilio

Fine de novembro pasintjare mi alvenis en Dilion por trisemajna instruado, petita de kelkaj lokaj esperantistoj. Mi instruis en tri lokoj: UDS, UNTL kaj Ailok Laran.

La loko kun plej multe da lernantoj estis ĉe UDS, neregistara organizaĵo, kie infanoj kaj junuloj kutime lernas la anglan. Mi estis renkontinta unu el la gvidantoj hazarde kaj li petis min veni ‘saluti la infanojn’. Fine mi instruis al tri grupoj: tri fojojn al la posttagmeza grupo, kaj po du fojojn al la matena kaj vespera grupoj. Pro tiuj aldonaj lecionoj mi havis dufoje kvin lecionojn en unu tago; pli verŝajne ne eblus en du malsamaj lokoj. Mi lasis flagon kaj kelkajn librojn por tiuj, kiuj volas memstare daŭrigi la lernadon.

La plej amuza loko estis en la kvartalo Ailok Laran, kie mi loĝis. Mi instruis al tre miksita grupo de najbaraj infanoj kaj junuloj. Por povi instrui al la infanoj mi devis studi la tetunan lingvon (kiun mi estis neglektinta post mia reveno el Orienta Timoro en 2014). En la lastaj tagoj mi ne plu instruis sed kantigis ilin kaj precipe dancigis ilin laŭ du kantoj de JoMo: ‘Ĉu vi volas danci’ kaj ’Lernu nun’. En la tago antaŭ mia foriro mi filmis ilin, kantante kaj dancante. La filmetoj spekteblas ĉe goo.gl/aocqBX.

La plej grava loko por la movado estis UNTL, nacia universitato: mi instruis preskaŭ ĉiutage (krom festotagoj) al studentoj de la nacia universitato, precipe de la agrikultura kaj jura fakoj. Mi havis tri grupojn: unu grupo da komencantoj, kiuj sekvis 12 lecionojn de 90 minutoj, duan grupon da komencantoj, kiuj sekvis 5 lecionojn de du horoj, kaj mi instruis tri fojojn al kelkaj progresantoj. Post tiuj lecionoj 15 el ili partoprenis la ekzamenon. En la posta tago ni havis ceremonion, en kiu mi disdonis atestilojn kaj librojn kaj ricevis donacetojn. Ni ankaŭ fotiĝis kaj praktikis kantadon de la himno. Post tio ni iris festi Zamenhof-tagon en unu el la parketoj de la urbo. Krom kanti la himnon, ni ankaŭ spektis magiajn trukojn de unu el la lernantoj, aŭskultis poemon laŭtlegitan de alia lernanto kaj manĝis kaj trinkis okaze de la fino de la kurso kaj de

Zamenhof-tago. Venis ankaŭ du ĵurnalistoj kaj staketo da revuoj estis disdonita.

La klubo nun havas du biblioteketojn en la hejmoj de du estraranoj. Teofilo De Jesus kaj mi ankaŭ laboris pri la vortara parto de la ŝlosilo (tetuna lingvo-Esperanto), kiun ni esperas en ne tro fora estonteco eldoni.

Antaŭ ol fini ĉi tiun raporteton, mi volas kore danki al BEL (Brazilo), ESE (Svedio) kaj KAEM, kiuj donacis librojn. Kaj por fini: mi esperas ke la movadeto kreskos kaj fortiĝos kaj ke almenaŭ kelkaj orienttimoranoj povos iri al la Universala Kongreso en Portugalio en 2018. Se vi volas kontribui al tio, ekzistas konto ĉe UEA kun la nomo 'timoro'. Koran dankon!

N.B.: Detalajn tagajn raportojn eblas legi ĉe goo.gl/t4Ru7G.

**Heidi Goes**
**heidi.goes@gmail.com**









# Vjetnamio

## 60 jaroj sur verda irvojo

Vjetnama Pacdefenda Esperanto-Asocio (VPEA) estis fondita la 9an de decembro 1956, kies nuna nomo estas Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA). En decembro 2016, per granda subteno de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO), VEA organizis solenan feston de la 60a datreveno de sia fondiĝo kaj la 157-a naskiĝdatreveno de L.L. Zamenhof.

Okazigita la 11an de decembro ĉe la sidejo de VUAO, en la 60-jara jubilea festo partoprenis la unua sekretario de la Ambasadejo de Pollando, s-ro Mariusz Boguszewski, la vicprezidanto de VUAO, kaj ankaŭ vjetnamaj esperantistoj el diversaj provincoj. En la evento, ni honore bonvenigis s-ron Lee Jungkee, estraranon de UEA pri Azia Movado, s-ron So Jinsu, prezidanton de KAEM, s-ron Hori Jasuo, eksan prezidanton de KAEM. Inter la gastoj ankaŭ estis s-roj Lee Sungwoo el Sudkoreio kaj Gabriel Ladeira el Brazilo.

Unue, la arta klubo de Hanoja Esperanto-Asocio gaje kaj feliĉe kantis, festante la raran eventon.

Sesdek jaroj markis kreskon kaj maturiĝon inter multaj generacioj de vjetnamaj esperantistoj. Ĉiu generacio reprezentas unu periodon el la 60-jara irvojo de VEA. Dum la solena festo estis ege kortuŝe aŭskulti rakontojn pri tio, kiel ili esperantistiĝis, kaj kiel Esperanto venis kaj ŝanĝis ilian vivon.

La sesdekdatrevena festo estis valora ŝanco por VEA montri akiritajn atingojn. El la konkretaj agoj estas eldonoj de « Granda Vortaro Esperanto-Vjetnama », vjetnama traduko de la libro « Memoroj pri Japana Katastrofo » verkita de s-ro Hori Jasuo, kaj la memorlibro « 60 jaroj sur verda vojiro ». « La Granda Vortaro » rezultis de senlaca laborado kaj klopodado de la ĉefredaktoro kaj la kompilantoj dum 15 jaroj malgraŭ la malhelpo de ilia aĝo kaj sanstato. Pri la libro « Memoroj pri Japana Katastrofo », vjetnama Sumoo-luktistino s-ino Alta tradukis ĝin en la vjetnaman lingvon. Por gratuli vjetnamajn venkintojn en la novembra legadkonkurso Sumoo 2016, s-ro Hori Jasuo transdonis al ili diplomojn kaj memoraĵojn de la konkurso.

Okaze de la festo-ceremonio, VUAO aljuĝis memormedalojn "Por Paco, Amikeco inter Popoloj" – la plej altvalora Premio de VUAO al esperantistoj, kiuj entuziasme kontribuis al la vjetnama Esperanto-movado lastatempe. Rimarkinde, du el la medalricevintoj estas eksterlandaj esperantistoj, nome s-ro Yosio Isino (Japanio) kaj s-ro Augusto Casquero (Hispanio).

Post la solena festo, la esperantistoj vizitis la kvar ZEO-jn en Vjetnamio, nome tombon de s-ro Nguyen Van Kinh – la unua honora prezidanto de VEA, lernejon Nguyen Van To – lulilo de vjetnama movado, la banjanon plantitan dum la 2a Azia Kongreso (1999), kaj la arbon plantitan okaze de la 97a UK en Hanojo (2012).

La longeco de la historio de Vjetnama Esperanto-Movado sendube dependas de la strebado de la vjetnama esperantistaro. Kaj kiel parto de tiom longa irvojo, la lastaj 60 jaroj, malgraŭ kaj altaj kaj malaltaj momentoj, estos grava bazo por ke la tieaj esperantistoj antaŭenpaŝu. Espereble, en venonta tempo en diversaj partoj de la S-forma lando, estos semitaj pli multe da esperantistoj, kiuj kune kun nunaj enlandaj aktivuloj disvastigos la neŭtralan lingvon kaj verkos la sekvantajn paĝojn de la historio de la vjetnama movado.

La urbo Da Nang bonvenigos la 9an Azian Kongreson de Esperanto. Ricevante grandan subtenon de la Ŝtato kaj zorgojn kaj subtenojn de internaciaj geamikoj, VEA deziras sukcesan eventon en la jaro 2019. Bonvenon al Vjetnamio!

**VEA-Prizorganto pri Informado**

## Pli da informoj pri la tri memorlibroj:

**1. Granda Esperanto-Vjetnama Vortaro**

Post pli ol 15 jaroj, finfine la Granda Esperanto-Vjetnama Vortaro estas finredaktita. Jen konciza informo pri la vortaro:
1) 10 652 kapvortoj, Formato: 14 x 21 cm, 347 paĝoj.
2) ĝisdatigita per novaj terminoj pri politiko, ekonomio, kulturo, socio, scienco, teknologio.
3) uzo de simplaj vortoj, spegulantaj ĉiutagan vivon, bazitaj sur la kapableco de Esperanto krei vortojn.
4) aldono de nomoj de homoj kaj lokoj de Vjetnamujo kaj de najbaraj aziaj landoj.
5) terminaro de religioj, filozofioj disvastiĝintaj en Azio.

**2. Vjetnama versio de "Memoroj pri Japana Katastrofo"**

Vizitinte multfoje la regionojn de Toohoku suferantajn pro la cunamo kaj nuklea katastrofo en la jaro 2011, s-ro Hori Jasuo rakontis siajn impresojn per 159 poemoj en prozo kun fotoj. La tuta verko montras lian senton, kompaton al la viktimoj, kaj esperon je rekonstruado de la lando.

Inter la vjetnamaj esperantistoj, kiuj legis tiun libron okaze de la legkonkurso Esperanto-sumoo, iniciatita de la aŭtoro por promocii ĉiutagan legadon de Esperanto-libroj, estis nia kolegino Le Thi Cao Truong (Alta). Ŝi ne nur legis la tutan libron, sed ankaŭ tradukis ĝin en la vjetnaman lingvon kun la celo konigi tiun emocian verkon al la vjetnama publiko. Malgraŭ la malsimileco inter japana kaj vjetnama kulturoj, la tradukinto sukcesis fidele esprimi la sentojn de la aŭtoro.

**3. 60 jaroj sur verda vojiro**

La libro konsistas ĉefe el 1. Salutoj 2. Kroniko de Vjetnama Esperanto-Movado 3. Vjetnama terminaro 4. La vjetnama vojo al Esperanto (verkita de s-ro Nguyen Xuan Thu) 5. Fotaro.

Por pli da informoj, bonvolu kontakti la retadreson goldenprocom@gmail.com.

**Phuong Mai**

# Pacmesaĝoj tra la mondo







Antaŭ kelkaj jaroj, en 2010, mi provis kolekti pacajnmesaĝojn en la Azia Kongreso okazinta en Mongolio, kaj poste ankaŭ en la UK en Kubo samjare. En la sekvanta jaro, mi kolektis mesaĝojn pere de la Delegita Reto.

Aperis en Japanio aĉa ĉefministro Abe, kiu kontraŭas nian pacan konstitucion kaj pli kaj pli atencas demokration. Pro tio mi pli serioze kolektis pacmesaĝojn en la UK-oj en Lille kaj en Nitra. La nombro de kolektitaj mesaĝoj atingis 166 el 56 landoj. En tiuj malmultaj okazoj mi povis kolekti tiom multe da mesaĝoj! Vere, Esperanto havas grandan forton kaj esperantistoj estas vere pacamaj kaj sinceraj.

La libro konsistas el tiuj mesaĝoj, japanaj tradukoj kaj fotoj. En ĝi aperas multaj azianoj. Por igi la libron bela, mi presigis ĉiujn fotojn en koloroj, kuraĝe elspezinte multe, sed mi donis al la libro malaltan prezon. Mia vivo ne estos tre longa, do mi unue uzu mian monon por paco kaj Esperanto.

Libro-formo: A4-formato, 192 paĝoj Prezo: 1500 enoj (15 eŭroj).

Pagu al mia UEA-konto: hoya-p. Sendkosto: al Eŭropo 7 eŭroj (SAL) kaj 12 eŭroj (aerpoŝto), al Azio 6 eŭroj (SAL) kaj 9 eŭroj (aerpoŝto).

**HORI Jasuo**
2-13-3 Ootone, Maebaŝi, Gunma, Japanio 371-0825
Retadreso: hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Aktivuloj, membriĝu al UEA, subvenciite de "Fondaĵo Azio" de UEA!

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financaj kialoj, tamen certe multaj volas esti membroj de UEA. Do, se vi interesiĝas, sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas aktiva esperantisto, ĝi aligos vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare, aŭ ĝian retan version. Vi ne plu restos izolita esperantisto, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝmaniero**

1. **Skribu la jenajn tri aferojn.**
   (1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
   (2) Viaj agadoj por la movado en 2016 kaj planoj en 2017.
   (3) Membreckategorio: MG, MJ (-T) aŭ MA (-T)
   *MG : kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado la revuo "Esperanto" rete.
   *MJ (-T) : kun Jarlibro kaj la revuo Esperanto rete (kaj ĝis inkl. 35 jaroj, membroj en TEJO kun Kontakto).
   *MA (-T) : kiel MJ (-T) plus la revuo Esperanto.
2. **Sendu rete al**:
   (1) s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com; aŭ
   (2) poŝte al KAEM: ĉe
   **Japana Esperanto-Instituto (JEI)**
   Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   *Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.

**3. Limdato: la 18a de februaro 2017, laŭeble frue.**

1) Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.
3) Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA, kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2017/07/15-22: La 50-a Kongreso de ILEI (Busan, Koreio)
2017/07/20-22: La 1a Komuna Konferenco de IKEF (Seulo, Koreio). Vizitu www.amikeco.com;
2017/07/22-29: La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo, Koreio)
2017/07/29-08/05: La 90-a SAT-Kongreso (Seulo, Koreio)
2017/08/05-12: La 73-a IJK (Aneho, Togolando)
2017/10/?: La 19-a Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj (Soĉi, Rusio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**
la 45a Sumoo: 2017/03/12-26
la 46a Sumoo: 2017/05/07-21
la 47a Sumoo: 2017/07/02-09
la 48a Sumoo: 2017/09/10-24
la 49a Sumoo: 2017/11/12-26
Pli detale pri Sumoo vizitu
Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo

## Azio kaj Oceanio

2017/02/26-03/08: La 12-a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Nepalo),
03/30-04/01: La 18-a Israela Kongreso de Esperanto (Isrealo)
04/01: Memore al la 300-a Kurso de Seula Esperanto-Kulturcentro (Seulo, Koreio)
04/09-11/17: Funkcios Jacugatake-Esperanto-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
04.??: La 2-a Monda Filmo-Konkurso 'Teo kaj Amo' (Hangzhou, Ĉinio)
05/19: La 4-a Irana Esperanto-Kongreso (Teherano, Irano)
05/26-27: La 66a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)

06/03-04: La 65a Kansaja Esperanto-Kongreso (Oosaka, Japanio)
07/20-22: La 1a Komuna Konferenco 2017 de IKEF (Seulo, Koreio)
07/29-08/01: Bonvenon al Ŭonbulismo (Iksan, Koreio)
10/13-16: La 4-a Sudazia Seminario (Bangaluro, Barato)
11/03-05: La 104-a Japana Esperanto-Kongreso (Jokohamo, Japanio)
2018.03.28-04.01: La 2-a Trilanda Kongreso de Esperanto (Bekasi, Indonezio)

# KAEM-anoj


**Prezidanto**: (d-ro) So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
**Vic-prezidanto**: (s-ro) Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
**Sekretario**: (s-ro) Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

### Okcidenta kaj Centra Azio

**Israelo**: (s-ro) Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
**Irano**: (s-ro) Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
**Taĝikio**: (s-ro) Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

### Suda Azio

**Pakistano**: (s-ro) Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
**Barato**: (d-ro) Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
**Nepalo**: (d-ro) Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

### Sud-Orienta Azio kaj Oceanio

**Indonezio**: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
**Vjetnamio**: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
**Aŭstralio**: (s-ro) Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
**Nov-Zelando**: (s-ro) Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz

### Orienta Azio

**Ĉinio**: (s-ro) Wang Ruixiang, lamondo@163.com

**Mongolio**: (s-ro) Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com
**Koreio**: (d-ro) So Jinsu, so@kangnam.ac.kr
**Japanio**: (s-ro) Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

**Puramo CHONG** (Koreio)
**Hori Jasuo** (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
(Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio")
**Lee Jungkee** (Koreio): esperanto@saluton.net
**Sasaki Teruhiro** (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
**Wang Ruixiang** (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA**

**Lee Jungkee** (Koreio): esperanto@saluton.net

## Redaktoro parolas:

Ekde tiu ĉi numero junulo Albert el Filipinoj provlegas. Li mem proponis sian helpon al nia revuo. Dank' al li nia revuo nun aspektas juna. Kiam li estis 15-jara, li eklernis Esperanton kaj rapidege progresis. Li havas mirindan talenton. Lia partopreno donas al ni grandan kuraĝon. Aperu aliaj gejunuloj en Azio kaj progresigu nian movadon.

..........................................................................

**Esperanto en Azio**

**Eldonanto**: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
**Adreso de KAEM**:
ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
**Reta adreso al KAEM**: <azio@yahoogroups.com>
**Retejo de KAEM:** http://www.esperantoazia.net/ (denove funkcianta)
**Redaktoro**: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3
**Provlegantoj:** Tahira Masako (Japanio)
Albert Stalin Tancinco Garrido (Filipinoj)